3a JARO JANUARO 1911 3a NUMERO (27)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*
redaktata de VAN DER BIEST-ANDELHOF, direktoro ;
LÉON CHAMPY, FRANS SCHOOFS kaj
OSCAR VAN SCHOOR.

**ABONPREZO :**

| | |
|---|---|
| Belglando . . . | Fr. 4.— (Sm. 1.60) |
| Eksterlando . . | Fr. 5.— (Sm. 2.—) |
| Unu numero . . | Fr. 0.40 (Sm. 0.16) |

**Tarifo de la reklamoj** (Prezo en frankoj)

| | *1 paĝo* | *1/2 paĝo* | *1/4 paĝo* | *1/8 paĝo* | *1/16 paĝo* |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 jaro (12 n.) | 90.— | 50.— | 30.— | 18.— | 10.— |
| 1/2 jaro | 50.— | 30.— | 18.— | 10.— | 6.— |
| 1/3 jaro | 40.— | 24.— | 13.— | 8.— | 5.— |
| 1/4 jaro | 30.— | 18.— | 10.— | 6.— | 4.— |
| 1 numero | 15.— | 10.— | 6.— | 4.— | 2.— |

**Redakcio.** Adreso por ĉio,kio koncernas la redakcion (artikoloj, ĉiuspecaj informoj,jurnaloj,broŝuroj,libroj) : S-ro VAN DER BIEST-ANDELHOF, 26, Arendstraat, Antwerpen (Rue de l'Aigle, Anvers).

**Administracio.** (Abonoj,monsendoj, k. t. p.) S-ro FR. SCHOOFS, 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen (Rue de la Petite Ourse, Anvers).

**Anonco pri korespondado :**
kun la numero de la jurnalo, en kiu ĝi estas presita : Fr. 0.50.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# 1910-1911

La jaro 1910, kies malaperon ni salutas, estis tre prospera por Esperanto en Belgujo.

La esperantista vivo fariĝis pli kaj pli intensa : la nombro de la grupoj aliĝintaj la B. L. E. altiĝis de 24 ĝis 29 ; multaj novaj kursoj estis malfermataj kaj la propagando per paroladoj kaj artikoloj en la jurnaloj tre ageme daŭradis.

Esperanto brile partoprenis en la internacia ekspozicio de Bruselo. Oratoroj diverslandaj elokvente priparolis nian belan lingvon ; la « Esperantista semajno » kunigis multajn samideanojn belgajn kaj eksterlandajn kaj pruvis al la ne-esperantista ĉeestantaro la mirindan praktikecon de Esperanto. Diversaj altrangaj kaj eminentaj personoj, skeptikaj ĝis tiam, sed venkitaj de la evidenteco, aprobis kaj aliĝis nian movadon.

En la Palaco de la 50a Datreveno (Jubelpaleis-Palais du Cinquantenaire) rimarkinda ekspozicio de ĉio, kio sin rilatas al Esperanto, mirigis la multnombrajn vizitantojn, kaj vidigis fakte la ĉiaman progresadon de Esperanto, la riĉecon de la esperantista literaturo kaj la gravecon de ĝia revuaro.

Ni ne forgesu la 2an belgan kongreson, okazintan en Brugo, la 15an 16an de de majo. Pli ol 300 kongresanoj, inter kiuj multaj nederlandaj, francaj, germanaj kaj anglaj, ĝin ĉeestis. La urbestraro oficiale akceptis ilin en la festsalono de la urba

domo kaj la Skabeno de la Publika Instruado esprimis al ili bonvenan saluton en Esperanto. Lia Moŝto Barono Ruzette-van Caloen de Basseghem, provincestro de Okcidenta Flandro, partoprenis en la esperantista festeno kaj en elokventa tosto priparolis la homaman internan ideon de Esperanto.

Nia gazeto daŭrigis ĝui la favoron de siaj abonantoj, kies nombro ĝojige kreskas, kaj ĝi travivis sukcesplene la duan jaron de sia ekzistado.

---

Jen nun 1911, kiun ni kuraĝplene eniras.

La estinteco de la progresado de nia entrepreno estas por ni garantio por ĝia estonteco.

La fondo de novaj grupoj aliĝontaj la Ligon jam estas anoncita. La financaj rimedoj estos konsiderinde pligrandigataj per la *Soldo por Esperanto*, kies institucio jam donis tre kontentigajn rezultatojn dum 1910, kaj sukcesis plialtigi la enspezojn je 60 %.

La propagando estos potence helpata per la baldaŭ publikigota *Bulteno de la Belga Ligo Esperantista*, kiu sciigos la ĉiutagan jurnalaron pri la ĉefaj faktoj de la esperantista movado. La bulteno aperos ĉiumonate, kun franca kaj flandra teksto.

La IIIa belga kongreso, okazonta en Charleroi la 4an-5an de junio, certe denove kunigos multajn esperantistojn el Belgujo kaj najbaraj landoj kaj estos inda je tiuj de Verviers kaj Brugo.

Sed la plej grava fakto de la komenciĝinta jaro estos la **VIIa internacia kongreso**, kiu, de la 20a ĝis la 27a de aŭgusto, venigos la tutmondan esperantistan familion en la belgan komercan metropolon Antverpenon.

Ĉio esperigas, ke tiu granda internacia rendevuo brile sukcesos. De nun alfluas aliĝoj el ĉiuj landoj kaj ĉiuloke la organiza komitato renkontas simpation kaj kuraĝigojn.

Grandega estos la graveco de la SEPA. Ĝi montros, ke Esperanto plene pravigas sian celon, ke ĝi vere solvis la problemon de la internacia lingvo, kaj ebligas pridiskuti ĉiajn temojn. Ĝi vidigos, ke la esperantistoj el ĉiuj landoj perfekte interparolas per Esperanto kaj komprenas unu la alian kiel fratoj kaj fratinoj el la sama familio, unuvorte, ke Esperanto estas reala vivanta lingvo.

Ni havas la konvinkiĝon ke la kongreso donos al nia movado gravan antaŭenpuŝadon. Ĝi ankaŭ malfermu la okulojn de tiuj, kiuj pretekstante plibonigi Esperanton, penadas anstataŭi ĝin per malindaj plagiatoj, kaj sin nutras per vanaj teorioj. Esperanto sin apogas sur praktikaj rezultatoj, akiritaj dum sia dudekdujara ekzistado, pri kiuj la kongreso estos nova brila, nepridubebla pruvo.

B. E.




Kelkaj personoj petis la organizan komitaton de la **Sepo** ke ĝi skribu specialajn kunvenojn sur la programon de la kongreso. Ni remarkigas ilin ke la **Sepo** ne havas kompetentecon pri tio ; estas la tasko de la **Konstanta Kongresa Komitato**. La interesatoj bonvolu sin turni al S-ro Generalo Sebert, prezidanto de la K. K. K., 14, rue Brémontier, Paris.

— La urba konsilantaro aprobis la monhelpon da 3000 frankoj, proponitan de la Skabenaro. Ĉio kredigas, ke tio ĉi ne estos la nura favoro de la Antverpena urbestraro.

— La esperanta kurso por la urba policanaro baldaŭ estos malfermata. 14 oficiroj kaj 116 policistoj respondis la alvokon de S-ro Schmit, policestro, kiun la tromultnombreco de la postulantoj nunmomente iomete embarasas.

— La geinterpretontoj de *Kaatje* jam komencis sian instruadon. La geaktoroj estas : S-ino Marie Verstraete (*la Patrino*), S-ino Helene Bertrijn (*Kaatje*), S-ino Magda Janssens (*Pomona*), S-ro Jules Verstraete (*Jan*), S-ro Karel Van Rijn (*la Patro*).

Ĉar la eldonistoj konsentas grandan rabaton al la organiza komitato por la ekzempleroj venditaj antaŭ la 1a de septembro 1911, estas dezirinde, ke la esperantistoj favoru la kongresan kason mendante la libron jam nun. En la decembra numero de B. E. S-ro Barono de Ménil vidigis la rimarkindan belecon de *Kaatje*. Hodiaŭ ni aldonas, ke la libro estas plej zorge, sur bona papero presita ; portreto de la tradukinto ĝin ornamas. La eldono estas tute inda je la antaŭaj publikaĵoj de la firmo Hachette.

— La eldono de la kongresaj reklammarkoj (100.000) estos baldaŭ elĉerpita. La Sepo presigis du seriojn laŭ novaj tipoj, artplene desegnitaj de la famkonata pentristo S-ro Joz. Posenaer. Post ne longe aperos kongresaj poŝtkartoj kun la grupa portreto de la Sepo.

— La organiza komitato ekokupis sin pri la kostoj de vojaĝo, hoteloj kaj restoracioj, kaj donos detalojn pri tiu demando la proksiman monaton.

— Kun plezuro ni ricevis por **Belga Esperantisto** multajn, novajn abonojn, ĉefe el fremdaj landoj. Ni transdonis ilin al la Redakcio, kiu esprimas plej sinceran dankon al sia nova legantaro.

— La solvo de diversaj projektoj, esperenble komunikotaj en la februara numero de B. E., estas tre proksima.

**Van der Biest-Andelhof**, prezidanto ; **O. Van Schoor**, vicprezidanto ; **D-ro W. Van der Biest**, sekretario-kasisto ; **Maria Posenaer**, Leŭtenanto **Fr. Dupont**, **Louis Ritschie**, **Frans Schoofs**.

## Nomaro de la kongresanoj aliĝintaj autaŭ la 4a de januaro 1911

263. Grafo Mareschal de Bièvre, Gabriel, historiisto, 11, rue François Ponsard, Paris (Franc.)
264. Pion, Joseph, bankoficisto, 34, rue de la Comédie, Beaune (Côte-d'Or, »
265. D-ro Dor, Henri, okulisto, universitata profesoro, Montée de la Boucle, Lyon (Franc.)
266. D-ro De Vreese, Camille, kuracisto, St Jozefstraat, Antwerpen, (Belg.)
267. Cocks, Michel, studento, 52, Tolstraat, » »
268. Durieux, Firmin, direktoro de la lernejo Montesquieu, 71, rue de Bouvines, Lille (Nord-Fr.)
269. S-ino Durieux, instruistino, » »
270. F-ino Durieux, Mélina, studentino, » »
271. Farmer, Henry-Francis, vic-konsulo de Britujo, 2, r. de Correnson, Boulogne s/M (Pas-de-Calais, (Franc.)
272. Isabelle, Ernest, posedanto, 18, rue Dinanderie, Rouen, (Seine-Infre, »
273. Weinmann, Siegfried, vinkomercisto, ano de la Dresdena socto, 16, Rheinallee, Mainz (Germ.)
274. D-ro Fraga, Estanislas, kuracisto, Casilla, 728 Santiago (Ĉilujo)
275. Prud'hon, Jules, kalkulisto, 5, rue de la Fontaine, Nogent s/M (Seine-Franc.)
276. Tétaud, G. instruisto, rue des Bons-Enfants, Cholet (Maine-et-Loire » )
277. Sauvage, Roger, komercisto, 19, Barreellei, Antwerpen (Belg.)
278. Mathouillet, Henri, vinkomercisto, 7, rue du Rempart, Beaune (Côte-d'Or, Franc.)
279. Bord, Ernest, profesoro, 20, Faubourg Bretonière, » »
280. S-ino Bord, » »
281. Börgermann, Sebastian, ĝeneralagento, 72, Oberstrasse, Krefeld (Germ.)
282. Fischer, Hermann, komercisto, 46, Westwall, » »
283. Cahn, Jozef, komercisto, 19, Oberstrasse, Uerdingen-Krefeld »
284. Schulz, Edmund, 10, Bahnhofstrasse, Schweidnitz »
285. Bresson, Edmond, pensiita subintendento, 62, rue de La Tour-d'Auvergne, La Flèche, (Sarthe-Franc,)

286. Maske, Rudolf, privatulo, 13, Schubertstrasse, Dresden (Germ.)
287. S-ino Maske, » » »
288. Wiener, Max, fabrikdirektoro, 5, Zinzendorfstrasse, » »
289. Olver, G. T. W.,United Service Club, Calcutta (Hindujo)
290. Philipp, Friedrich, inspektoro, 21, Bürgerstrasse, Hambu rg (Germ.)
291. Bacquet, J. Pihen-lez-Guines (Pas-de-Calais, Franc.)
292. F-ino Warbrick, Jessie, 26, Westminster Road,Kirkdale-Liverpool (Angl.)
293. F-ino Swan, A. M., 10, Viola Street, Bootle-Liverpool »
294. F-ino Jenkins, K. 2, Euston Street, Walton-Liverpool »
295. Mende, François, inĝeniero, rue Dupuch, Alger (Franc.)
296. *Internacia Medicino, monata scienca ĵurnalo, oficiala organo de la T. E. K. A.* Kötzschenbroda-Dresden (Germ.)
297. D-ro Thalwitzer, Franz, kuracisto, eldonisto en firmo H. F. Adolf Thalwitzer, Kötzschenbroda-Dresden (Germ.)
298. F-ino Kuhlmann, Nanny E., tradukistino, 1419, R. street, Washington (Usono)
299. Dol, Charles, pastro, Boulevard Ratoneau, Valensole (Basses-Alpes, Fr.)
300. Yemans, H. W. Fort-Wayne, Detroit (Michigan-Usono)
301. S-ino Yemans, » »
302. Albéric-Humez, 13, rue Morel, Douai (Nord-Franc.)
303. F-ino Ribera, Anita, 172 Travesia San Antonio, Barcelona (Katal-Hisp.)
304. D-ro Marchand, Werner, zoologisto, 45, Statielaan, Oude-God (Belg.)
305. Michaux A., Advokato, Boulogne s/M (Pas-de-Calais, Franc.j
306. Hiller, Karl, bankofic., 8 Marienstr., Bamberg (Bav. Germ.)
307. Goeb, Hugo, fabrikdirektoro, Lütticherstrasse, 40, Aachen (Germ.)
308. F-ino Limper, Hedwig, Bachstrasse, 32, » »
309. F-ino Broecking, Paula, Römerstrasse, 27, » »
310. F-ino Broecking, Hedwig, » » » »
311. D-ro Rothschuh, Ernst, kuracisto, Comphausbadstrasse, 21, » »
312. Hölscher, Wilhelm, instruisto, Benediktinerstr., 47, » »
313. S-ino Hölscher, » » » »
314. Coll Calvet, Lluis, studento, 21, Passeig del Ter, Manlleu-Barcelona (Katal. Hisp)
315. Caw, Lewis, oficisto, 131, Warrender Park Road, Edinburgh (Skotl.)
316. F-ino Gordon, Jane, 7, N. W. Circus Place, » »
317. Hare, George William, imposta oficisto 304, Blackness Road, Dundee »
318. F-ino Hare, Mary-Jane, » » » »
319. Haxton, James T.,« Starbeek » Wallace Street, St. Andrews »
320 F-ino Hunter,Margaret,W. intruistino,5,Bellevue Street,Edinburgh »
321. F-ino Me Crone, Agnes, instruistino, 20, Picken Street, Kilmarnock »
322. F-ino Mc Crone, Eliza, » » »
323. F inn Robertson, Isa H. J. stenogıafistino 27,Danube Str.,Edinburgh »
324. F-ino Williamson,Mima Forsyth,instruistino,95,Spottiswoode Str. » »
325. Van Aubel, Louis, studento, 40, rue sur la Fontaine, Liége (Belg.)
326. Jacobs, Willem, pensiulo, 31, Ooststatiestraat, Contich »
327. F-ino Sergent, Louise, 32, Rue de la Clef, Paris (Franc.)
328. Parker, Patrick, pastro, Clohamon Ferns, Wexford (Irlando)
329. Korpelainen, Ali, komercisto, 65, Pakkahuoncenk, Kemi (Finl.-Rus)
330. Rautianen, Urho, mekanikisto, » »
331. D-ro Minelle,Pierre, kuracisto, 53,rue de l'Université, Reims,(Marne,Fr.)
332. F-ino Ceulemans, Sarah, sen profesio, Albert Grisarstr. 24,Antw. (Belg )
333. D-ro Van Dyck, Louis, kuracisto, Oudaen, 31, » »
334. S-ino Van Dyck, sen profesio, » » »
335. D-ro Le Duigon, kuracisto, rue Fontaine, 39, Cherbourg (Franc.)
336. Aymonier, Camille, profesoro, 52bis, Boulevard St. Jacques,Paris(Franc.)
337. Grosjean, Jules, bibliotekisto, 14, place Rabelais Tours »
338. S-ino Grosjean,sen profesio, » » » »

# Himno al la Suno(1)

Esperanta teksto de
NELLA BOON.

Laŭ *Zonnelied* de
CATH. VAN RENNES.

*Iom malrapide.*

*dolĉe*

Dolĉ - aj ra - di - oj de l' sun - o

*kreskante*

Bril - as sur vast - a kamp - ar', Per lum - o - sag - oj hel-

*f*

iĝ - as Eĉ la plej dens - a arb - ar'.

*dolĉe*

Ĉarm - a sor - ĉist - o, ho! ĝis mi - a kor',

*ten.*

Send - u al mi vi - ajn sag - ojn el or'!

*kreskante*

Kaj mi ho - nor - os, mi laŭd- os vin

*f.*

El plej dank - em - a a- nim'.

II. Vintro ne povas forpeli vin
Nek plej kruela venteg',
Vi nur daŭradas ĝojigi min,
Malgraŭ obstina pluveg'.
Vintre per vi ja varmiĝas la kor',
Per vi mildiĝas plej akra dolor';
Mi do honoras, mi laŭdas vin,
El plej ravita anim'!

(1) El **«Nederlanda Kantaro Esperantista»**, 10 kantoj verkitaj kaj tradukitaj de **Nella Boon**. Hago, eldonejo «Espero». Prezo : Sm. 0.20.

# WOLUWA BLINDULGRUPO ESPERANTISTA

## *JARRAPORTO PRI 1910*

Tiun ĉi jaron nia kara Instituto festis la 75an datrevenon de sia fondiĝo. Multaj festoj grandiozaj okazis, pri kiuj jam raportis B. E. en sia decembra numero.

La kongreso pri Familia Edukado, kondukata de sia Prezidanto, Sinjoro Provincestro de Lieĝo, vizitis nian instituton la 22an de aŭgusto. La kongresanoj nin vidis en lernejo, muzikejo kaj laborejo. Poste ni faris por ili koncerton, kaj, ĉar ili estis multnaciaj, ni dankis ilin per flandra, franca, angla, germana kaj esperanta leteroj. Sinjor' Prezidanto faris tiam belegan paroladon ; en la nomo de la kongresanoj li gratulis la instituton pri la progresoj konstatitaj kaj diris al ni plej kuraĝigajn vortojn.

Ni havis la plezuron ĉeesti en la festsalono de l'Ekspozicio la paroladon de S-ro Gautherot, el Parizo, pri « *la krizo de l'Patriotismo kaj la rilatoj internaciaj* ». La oratoro nin prezentis al sia aŭdantaro kaj diris kelke da vortoj pri la esperantista agado ĉe la blinduloj. Post tio nia malgranda kunlernanto Billiet faris esperantan legadon el Brailla libro ; tiun legadon tre aplaŭdis la ĉeestantaro.

Ofte ni havis la ĝojon renkonti kaj paroli kun esperantistoj, dum niaj koncertoj en Lieĝo, Namuro, Brugo, kaj en la Brusela ekspozicio ; ni ankaŭ ricevis en la instituto mem la viziton de multaj samideanoj belgaj kaj alilandaj : inter tiuj lastaj ni danke rememoras pri Gebaronoj de Ménil, el Parizo ; pri la Londona Blindulamiko Sinjoro Adams ; pri S-ro Merrick, angla blinda amiko, pri kataluna esperantisto kaj pri Birmingama, kies nomojn ni forgesis.

Kelkfoje ni havis okazon montri Esperanton, ĉu al la vizitantoj de la Instituto, ĉu en publikaj festoj. Je l' sankta Cecilitago, en nia festsalono, antaŭ ducentopa ĉeestantaro, ni faris koncerton, ludis flandran komedion, deklamis kaj kantis france kaj Esperante. La kantoj « *Ho Patro ! revenu !* » kaj « *Revadoj* », (horkanto) estis tre ŝatataj.

La korespondado kun fremdlandaj samsortanoj pliiĝas tiom, ke, pro niaj ceteraj studoj, ni devas ofte prokrasti la respondon. Pri tio ni bedaŭras, kaj petas niajn fratojn por ekskuzo : ili ankaŭ scias ke, malgraŭ nia amo al Esperanto, ni ne povas forgesi, ke nia unua kaj ĉefa devo estas nin kapabligi por gajni nian panon per art-aŭ manlaboro. Tion ankaŭ volas niaj profesoroj, kaj tial ni konsideras Esperanton kiel bonegan sed flankan aferon, kiun se bezone ni devas oferporti al pli urĝa okupado.

Jam de la unua monatmezo decembra komenciĝis alfluo de Kristnask- kaj novjarkartoj de niaj eksterlandaj samsortanoj. Ni recevis pli ol kvarcent el Anglujo, precipe de niaj Londonaj amikoj. Ĉu tio ne pruvas, ke Esperanto fartas bone ĉe la blindularo, kaj ke ĝi naskas inter ĝi multvaloran fratiĝon?

Ni havas en malproksima Meksiklando, maljunan sed bonegkoran amikinon, kiu preskaŭ ĉiumonate sendas al ni donacon: estas fabeloj de ŝi braille transskribitaj el esperantaj verkoj; estas la vivo de Miss Helen Keller, la mondfama blinda, surda kaj muta fraŭlino el Usono, libro por ni plej interesa; estas poŝtmarkoj kaj ilustritaj kartoj por niaj surdmutaj kamaradoj; estas leteroj, en kiuj sin tute malkaŝas la granda koro de bonfarantino, de anĝelino de Dio sendita por esti la patrino de liaj suferantaj infanoj.

Al ŝi, al Fraŭlino Natalio von Schenck, al nia malproksima patrino el Los Arcas-Toluca en Meksikujo, iru per tiu ĉi raporto la reesprimo de nia danko, niaj bondeziroj por la nova jaro, kiel iris por ŝi niaj preĝoj al Dio, kiun ŝi tiom amas.

Bonajn amikojn ankaŭ ni havas en Francujo: nia plej varma danko iru al Gesinjoroj Bastoul, kiuj oftfoje jam oferdonis al ni librojn, reliefe presitajn laŭ la sistemo Vaughan. La lastaj libroj (kvar grandaj volumoj) enhavas la historion de « Marta », tradukitan de Doktoro Zamenhof.

Nia danko iru ankaŭ al la bonkoraj sendintoj de esperantaj revuoj, broŝuroj, k. c. Ni ricevis senpage kaj regule la jenajn gazetojn:

Belga Esperantisto, — Belga Sonorilo, — Espero Katolika, — Oficiala Gazeto, — Lingvo Internacia, — Juna Esperantisto, — Rumana Esperantisto, — Danubo, — Espérantiste Catholique; — ankaŭ kelkajn numerojn de: Nederlanda Katolika, - Spritulo, — Svisa Espero.

Nia Prezidanto, S-ro Jozefo Huegaerts, finis siajn studojn en aŭgusto, kaj estas nun muzikprofesoro en la « Institut de la Sainte Famille » en Manage. Li promesis al ni, ke, en sia nova situacio, li penados por varbi siajn lernantojn al la esperantista movado. Alia kunlerninto, S-ro Jozefo De Weze, fariĝis orgenisto kaj direktoro de fanfaroj en la « Institut St Amédée » en Mortsel; S-roj G. Minnebo kaj E. Koninck estas pianagordistoj ĉe la firmo Beyer en Gento; S-ro E. Evrard havas saman funkcion ĉe la firmo Chapelle en Laeken; kaj S-ro F. Gaspard, ĉe la firmo Renson en Lieĝo.

Ok aliaj kunlernintoj reiris hejmen, kaj estas nun pianagordistoj, korbfaristoj aŭ seĝplektistoj. Al ili ĉiuj ni deziras bonan sukceson kaj vivon feliĉan.

Kaj al ĉiuj niaj legantoj, bonfarantoj kaj amikoj, al ĉiuj pioniroj por la esperanta antaŭenirado, ni deziras el nia tuta koro : Bonan jaron !

Por la komitato de la Woluwa Blindulgrupo Esperantista:

La Vicprezidanto : La Sekretarioj :

M. PIERLOT. H. LISSON, M. CLEYMANS.

# El la insulo Samos

Lia Princa Moŝto S-ro **Andreo Kopassis** estas la reganta ŝtatestro de tiu bela kaj pentrinda ejo. Li akceptis la honoran prezidantecon de la tiea esperantista grupo kaj ne nur subtenas ĉiamaniere nian movadon en la insulo, sed donas la laŭdindan ekzemplon dediĉante sin fakte al ĝi. Lia Princa Moŝto perfekte scias la lingvojn grekan, turkan, francan, anglan, italan kaj germanan ; tio ĉio ne sufiĉis al li, li alte ŝatas la gravecon de Esperanto kaj studadas ĝin serioze. Ankaŭ princino Heleno estas poliglota. Malgraŭ tio ŝi interesiĝis je Esperanto kaj estas una el ĝiaj plej entuziasmaj defendantinoj. Ŝi ageme partoprenas en la laboroj de la Samosa esperantista societo kaj akiris, sukcesplene, la *Ateston pri lernado*, kaj ege feliĉiĝis pro tio. Baldaŭ ŝi postulos la diplomon de *profesorino diplomita*. Kiel bonvenan donacon la Princino transdonigis tri turkajn funtojn (27 Sm.= 67.50 fr.) al la estraro de la societo.

Enviinda princlando ! Enviindaj Samosaj samideanoj !

(El *Greklingva Esperantisto*)

*
* *

Pli rapide ol la grandaj eŭropaj ŝtatoj, la princlando Samos komprenis la grandegan gravecon de Esperanto por la nunaj generacioj. Antaŭ nelonge la usona ŝtato Maryland permesis la enkondukon de Esperanto en la publikajn lernejojn, sed nur *nedevige*. En Samos la instruado de Esperanto fariĝas *deviga*, per la jena dekreto :

*Ni*, **Andreo Emanuelo Kopassis**, *princo de Samos, konforme kun la voĉdonado de la Parlamento de Samos, decidas kaj dekretas:*

*Nura artikolo. La tuta presado de l'organo de la* Samosa Esperantista Societo *estos efektivigata senpage de la oficiala Presejo ; la Registaro estas rajtigata* ordoni la enkondukon *de la helpa internacia lingvo Esperanto* en ĉiujn lernejojn de la Insulo, *enskribigi ĝin sur la programon kiel* devigan lernfakon, *kaj instruigi ĝin en la diritaj lernejoj de la anoj de la Samosa Esperantista Societo.*

*La jena leĝo, balotita de la Parlamento kaj aprobita de ni, estos publikigata de la Registaro kaj plenumata kiel leĝon de la Princlando.*

*Port-Vathy, la 8an de oktobro 1910.*

# DU MIRINDÂJOJ



Inter akvo kaj ĉielo
Mirindaĵo vere dia,
Punt'el ŝtono kaj juvelo :
Jen la katedralo nia.

Same kiel ĝi modelo
Eleganta kaj gracia,
Montras sin, sub verda stelo
Komprenil' internacia.

Dank' al tio en Francujo
La ĉefurb' de Pikardujo,
Tiom estas vizitinda

Kiom nia Esperanto,
Melodia, kiel kanto,
Ĉie iĝas parolinda.

AMIENS. FR. MAETZ.

# PRI ALFABETOJ

Inter la multaj malfacilaĵoj kiujn prezentas al ni la stu lado de la modernaj lingvoj, troviĝas la alfabeto.

En kiu lingvo ni devas serĉi la idealan alfabeton t. e alfabeton. kiu respondas al tiuj du precipaj kondiĉoj : 1e. Unu signo por ĉiu sono, — 2e. Ĉiu sono reprezentata per nur unu signo ? Mi tute ne bezonas diri ke tia alfabeto ne ekzistas en iu ajn lingvo, ke eĉ nenia lingvo posedas alfabeton iom similantan al tiu ĉi ideala. Mi ne parolas pri la franca lingvo, en kiu la ekzemploj pri tiu kaj aliaj difektoj estas tro multnombraj kaj bone konataj, sed mi donos kelkajn specimenojn el la angla. En tiu ĉi la sama signo **a**, ekzemple, estas elparolata laŭ sep diversaj manieroj

en la sep sekvantaj vortoj : *fate, man, any, care, father, water, swallow* — kies ĝustan elparoladon mi ne povas doni skribe, tio estus tute neebla. La sama litero aŭ sono • estas skribata laŭ naŭ diversaj manieroj en la vortoj : *bed, any, bread, said, says, heifeur, friend, bary, leopard*. Ĉu mi devas ankoraŭ paroli pri la fama « ough » ? Kvankam tio ne plu rilatas al la alfabeto, kiun sole mi intencis pritrakti, mi aldonos ke la elparolado de « ough » en multaj okazoj estas ankaŭ mireginda : jen ekzemploj : *tough, cough, hiccough, lough* — (elparolu : *teŭf, kof, hikop* kaj *lok*, mi petas !) Ni povus rimarkigi tiujn malgrandajn detalojn al la senlacaj laŭdantoj de la facileco de la angla lingvo kaj precipe al tiuj, kiuj proponas ĝin kiel Lingvon Internacian.

Tamen ideala alfabeto ne plu estas farota ; ĝi ekzistas kaj ni konas ĝin : estas la bela ŝlosilo, kiun nia majstro D-ro Zamenhof donis al sia lingvo Esperanto.

R. UNTERMANN.

# NEKROLOGIO

## D-ro John Eyton Bickersteth Mayor

Esperanto, kaj precipe «Esperantismo», perdas pro la morto de tiu klerega respektindulo, unu el siaj plej fervoraj defendantoj.

D-ro Mayor estis unu el la plej eminentaj profesoroj de la Kembriĝa universitato. Li naskiĝis dum la jaro 1825 en Baddegama (insulo Ceylon), kaj studadis en Shrewsbury kaj en la St Johns College de Kembriĝo, kie li funkciadis kiel profesoro de la jaro 1863 Li mortis la 1-an de decembro 1910.

Multaj britaj ĵurnaloj raportis pri la brila profesora kariero de la bedaŭrata mortinto, pri la meritplenaj libroj verkitaj de li, pri liaj multnombraj artikoloj en sciencaj kaj teologiaj revuoj.

En la lastaj jaroj de sia vivo D-ro Mayor interesiĝis tre varme je Esperanto. La partoprenintoj en la IIIa kongreso ĉiam rememoros la respektindan maljunulon, kiu ĉeestis ĉiujn kunvenojn, ĉiujn akceptojn. Ne forgesebla estas la elokventa kaj entuziasma konvinkiĝo pri Esperanto, kiun li esprimis je la fino de la malferma kunsido de la kongreso. Liaj vortoj resonas ankoraŭ en miaj oreloj kiel orakoloj. Li estis tiam 83jara, kaj en kelkaj tagoj li jam tiel bone lernis nian lingvon, ke li povis fari paroladon en Esperanto. Li dankis D-ron Zamenhof, pro la miraklo, kies mirigita atestanto li estis:

Mi vidis, — li diris, — laŭ la voĉo de tiu nova Josuho, fali la murojn, kiuj disigas la homojn de diversaj nacioj ; mi vidis renovigi la miraklon de Pentekosto : la lingvakireblecon donitan al la plej humilaj ; mi transportiĝis en novan mondon, en la mondon de la universala interkonsento kaj interpaco, kies nova Kristoforo Kolombo estas D-ro Zamenhof...

————

Post la kongreso mi restis ankoraŭ unu semajnon en Kembriĝo kaj mi havis la feliĉon interparoli diversfoje kun D-ro Mayor. Nia kara lingvo estis plej ofte la ĉefa temo de nia konversacio. La entuziasmo de mia eminenta akceptanto pri Esperanto ne malvarmiĝis. Zorge mi skribis liajn orajn vortojn en mian notlibreton.

— *Kara sinjoro*, li diris, *ne permesu ke iu iam tuŝu al via bela lingvo, tio estus la komenco de ĝia morto. Oni povas ŝanĝi* projekton *sed, a priori, ne* lingvon. *Nu Esperanto estas* lingvo, *ne* projekto.

Alifoje :

*Mi precipe ŝatas la multenombran finiĝon* **J**. *La vokalaj finiĝoj* **aj, oj, uj**, *kiuj rememoras la belsonan grekan lingvon, estas ne esprimeble agrablaj al mi. Sed, la regulo pri la nevariebla ĉefa akcento devas esti severe observata ! Mi aŭdis kelkajn francajn kongresanojn, kiuj false metis la akcenton ; ilia elparolado estis terura kaj suferigis min.*

*Konservu zorge la vere latinan kaj germanan sonon de la litero* **J**. *Ni, angloj, tute difektas ĝin.*

*D-ro Zamenhof tute prave distingas inter* **ĝ** *kaj* **ĵ**, *la sonoj estas tute malsamaj ; ambaŭ estas internaciaj.*

. . . . . . . . . . . . . . .

*Neniam preterlasu la akuzativon ; observu fidele ĝian nevarieblajn regulojn. La peno estas malgranda, la profito nekalkulebla.*

Fine :

*Mirinda estas la eltrovo de la tabelo de la « vortoj simplaj». Mi ne povas sufiĉe ĝin admiri ! Certe, via Majstro estas granda geniulo.* Kaj levante la brakojn li aldiris : *Sir, I consider it an inspiration !*

———

La juĝoj de tia viro, unu el la plej kleraj lingvistoj el la nuna tempo, definitive forigis el mi ĉiujn dubojn pri nia lingvo kaj igis mian konfidon ne ŝanĝiĝebla. Kompateme mi de tiam levas la ŝultrojn antaŭ la kritikoj de kelkaj pedantoj, kiuj volas plibonigi (!) Esperanton...

Benata estu la memoro de la granda eminentulo kiun la homaro priploras.

La esperantistoj danke elparolos sian nomon.

Li ripozu en paco !

AUSTIN RICHARDSON.



# Rakonteto

## Ĉe Sankta Petro

Antaŭ la mirinda pordego de l'Paradizo, tri viroj staras. La pordo estas fermita, kaj, malgraŭ ilia varmega deziro kiel eble plej rapide eniri, ili ne kuraĝas frapi, por ke oni malfermu.

Jen sur la vojo lumigata de la radiantaj steloj, knabeto alvenas. Anĝela rideto heligas la vizaĝon de l'infano, kiu, proksimiĝinte al la pordo, per sia delikata fingreto dolĉete frapas : tok ! tok !

Kvankam oni apenaŭ aŭdis la frapetojn, la pordo tuj malfermiĝas kaj vidigas malgrandan angulon de l'Paradizo. Sur la sojlo, montriĝas bela, senhara sed barbula maljunulo. En sia mano, li tenas ŝlosilaron, ĉar li estas Sankta Petro, la paradiza pordisto. Vidante la knabeton, la sanktulo afable ridetis kaj, preninte lian maneton, li diris : Eniru,retrovita anĝelo ; venu ĝui la feliĉegan vivadon kun nia Sinjoro Jesuo, kiu diris : « *Lasu vi la infanojn veni al mi,ĉar la regno de la ĉieloj apartenas al ili* ». Kaj vokinte du anĝeletojn, li kondukigis la knabeton en la lokon rezervitan por la senkulpaj infanoj.

Tiam la sankta pordisto demandis la virojn, kion ili petas.

— Sanktega Petro, respondis unu el ili,mi humile petegas,ke vi permesu al mi eniri la Paradizon.

—Kion vi faris, por meriti tian favoron?

— Sanktega Petro, mi edziĝis kun aminda junulino. Ni unue estis tre feliĉaj, sed baldaŭ mia kara edzino malsaniĝis kaj, dum multaj jaroj, mi flegis ŝin kiel eble plej zorge, ĝis kiam Dio reprenis ŝin. Mi estas nur pekulo, sed...

— Bone, bone ! diris la sankta ŝlosilisto ; mia Mastro diris : « *Feliĉaj la kompatemuloj, ĉar ili obtenos kompaton* ». Eniru, kaj aliru la lokon, kiun tiu ĉi anĝelo montros al vi.

La dua viro diris : Sankta Petro, mi unue edziĝis kun afabla virino, kiun la dia volo reprenis de mi post du jaroj da feliĉo. Ĉar, pro miaj okupadoj, mi ne povis resti fraŭlo, mi reedziĝis ; sed, ho ve ! mia dua edzino estis karaktere tiel malagrabla, ke mi ne havis eĉ unu horon da trankvilo. Mi pacience suferis ĉion, sed mi konfesas, ke mi ĝoje akceptis la morton, kiu liberigis min.

La sanktulo diris : Eniru, kompatinda viro, aliru kun anĝelo la lokon difinitan por la martiroj : vi sendube meritas partopreni ilian feliĉon !

Aŭdinte tion, la tria viro ĝoje ekkriis : tien do mi devos ankaŭ iri, ĉar mi ankoraŭ pli suferis ol ĉi tiu !

— Kiel ? diris la sanktulo.

— Certe ! ĉar mi trifoje edziĝis.

— Hom, hom ! tu estis Petro.

— Kion vi diras ? demandis nia viro.

— Mi ?... Nenion.... Daŭrigu... daŭrigu.

— Jen, Sinjoro sanktulo : mia unua edzino estis malbona ; la dua, pli malbona ; la tria estas la plej malbona el la plej malbonaj virinaĉoj. Mi suferis, suferadis, suferegis laŭ neesprimebla maniero, kaj nun...

—Sufiĉe .. sufiĉe ! ekkriis la ĉiela pordisto: tuj foriru... foriru tuj, mi diras !

— Kiel ?... foriri ?... ĉu mi ne povos eniri la ĉielon ?

— Ne, ne, tute ne ! Ĉu vi opinias, ke en la Paradizo estas ia loko por la malspirituloj ? Kaj la ĉiela ŝlosilisto, skuante sian ŝlosilaron, bruege fermis la pardon.

E. V. Honinckx.

# PROBLEMOJ[1]

7. Kiam la sekvantaj vortoj estos konvene aranĝitaj, iliaj komencaj literoj formos nian koran bondeziron al niaj divenantoj. Nombro — rabato — lano — jodo — ĉambro — najlo — fero aludo — identa — odo — eliro — abono.

8. Ordigu tiujn ĉi grupojn da literoj por trovi trivortan proverbon.

on — ig - es — oĉ - eg — as — ve — uv — et — pl — nt.

9. **Vortoj kreskantaj kaj malkreskantaj** : Vokalo — prefikso — elemento de tuto — ŝtala trabo — organo de sento — aktora agado — metalo — nomo de litero — konsonanto.

Plantano.

# *DIVERSAJ INFORMOJ*

**Belga Esperantisto.** La du unuaj jarkolektoj de nia gazeto estas aĉeteblaj ĉe la sekretario de la redakcio, S-ro Frans Schoofs, 45, kleine Beerstraat, Antwerpen (rue de la Petite Ourse, Anvers). Prezo : 1908-1909, Fr. 4.50 : — 1909-1910, Fr. 4.25.

**Deziras korespondi** :

F-ino Hanna Fröhlich, 7, Pollandstr., Dresden, A 19 ;

Jean Alexander, Fiszakalmanfalva (Bacs-m), Hungarujo ;

Peter Gerger, fotografisto, Kossuth-ut, 12, Temesvar, id. ;

Fridrich Jenö, festö utca, 14, Veszprém, id. ;

T. Tresticreanu, 91, str. Viitorului, Bukarest (Ruman) ;

F-ino Hildegard Nickel, 45, Brandeburgstr. Potsdam (Germ.), kun esperantistino el Antverpeno ;

F-ino M. Malaure, muzikprofesorino, 10 Pinayrier-Tours, (Indre-et Loire, Franc.), kun Antverpena profesorino ;

F-ino Suzanne Adeline, lernejo en Ecquetot, par St-Aubin d'Ecrosville, (Eure-Francujo).

---

(1) Oni sendu la solvajn, antaŭ la 25a de februaro 1911, al S-ro Frans Schoofs, sekretario de la Redakcio, 45, kleine Beerstraat Antwerpen, (45, rue de la Petite Ourse, Anvers.) Prefere skribitajn sur poŝta karto.

En la lasta numero de la 3a jarkolekto estos publikigataj la nomoj de la solvintoj. Oni povas respondi pseŭdonime.

Belaj premioj estos aljuĝataj.

**La Esperantista Murkalendaro por 1911.** — *Alvoko al la tutmonda Esperantistaro!* — Kiam en 1909 mi por la nuua fojo eldonis Esperantistan Tagkalendaron (por 1910) la rezulto ne estis kuraĝiga. Sed poste, konsiderante la multajn ricevitajn aplaŭdojn kaj aprobojn, mi, malgraŭ la spertinta finance malbona rezulto por la dua fojo (por 1911) en septembro pasinta eldonis la tagkalendaron, evitinte la malfruecon kaj sufiĉe plibonigínte ĝin. Por pli bone atingi la esperantistaron sur la tuta mondo, mi en preskaŭ ĉiuj landej sukcesis trovi ĝeneral-agentejojn por favori la disvendadon. Tamen, la rezulto en tiu ĉi momento estas ankoraŭ multe pli malbona ol en 1909.

Baldaŭ mi devos decidi ĉu mi ankaŭ por 1912 eldonos la kalendaron, ĉar la laboroj por tia eldono bezonas la plej grandan parton el la jaro. Sed la decido nepre estos *negativa*, se la nuna daŭrus. La sola demando, kiun mi nun metas antaŭ la tutmonda esperantistaro estas : « Ĉu vi jes aŭ ne deziras la plenumon de l' bela devizo : « **Nenıu tago sen Esperanto?** » Se jes, vi nur tuj mendu ĉe la esperanto-librejoj de via lando (aŭ, se ili ne estas, rekte kun 85 Sd. al suba adreso). Sed se la postmendoj ne sufiĉos, **la eldono de l'kalendaro de post nun estos forlasata.**

Kun sinceraj salutoj,

J. L. BRUIJN,
Direktoro de la Librejo « Espero »,
Prinsestraat 48, Hago (Nederlando).

Januaro 1911.

ATENTU ! Kun la forlotado de l'grava premio (bela gravuro el la Nederlanda skolo) mi pro nomitaj motivoj atendos ĝis fino de marto.

---

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la izolitajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al la Direktoro de « Belga Esperantisto », 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), Antwerpen (Anvers). Tre dankeme nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

---

**ANTVERPENO.** — Niaj antverpenaj samideanoj trovos en la Popola Biblioteko (Blindenstraat — Rue des Aveugles) tridekon da esperantistaj libroj. Baldaŭ tiu kolekto rimarkinde pliriĉiĝis, ĉar la bibliotekisto, S-ro H. Schepmans, mendis antaŭ ne longe pli ol 40 literaturajn verkojn, kiuj estos je la dispono de la publiko, tuj post kiam ili estos enkatalogigitaj. La biblioteko estas alirebla ĉiutage, de la 9a matene ĝis la 4a ptm.

— La multe legata loka jurnalo *Het Handelsblad* publikigis antaŭ nelonge du artikolojn favorajn al Esperanto. En la numero de la 9a de decembro ĝi sciigis pri la VIIa kongreso kies grandan gravecon ĝi vidigis ; la numero de la 9a de decembro enhavas raporton pri la broŝuro de nia estimata samideano D-ro W. Broeckaert : *De la nécessité d'une langue internationale en médecine,* kun alta taksado kaj varma rekomendo.

— Nia amiko kaj kunlaboranto, S-ro Frans Swagers, faris, la 18an de decembro, tre interesan paroladon pri internaciaj lingvoj (kaj speciale pri Esperanto) en la *Ligo de la ekslernantoj de la urba lernejo n-ro 6.* La oratoro pritraktis, kun sia konata elokventeco, sian subjekton antaŭ multnombra ĉeestantaro, kiu entuziasme aplaŭdis lin. Ni esperas, ke Esperanto iom post iom, enradikiĝos en ĉiuj similaj ligoj de Antverpeno. La estonteco apartenas al la junularo.

— S-ro Louis Ritschie, oficejestro de la Publika Instruado, malfermis antaŭ nelonge kurson de Esperanto inter la oficistoj de la urba administracio; 25 el ili partoprenas en ĝi, kaj ege interesiĝas je nia lingvo.

— **LA VERDA STELO. — Tre grava.** La grupanoj estas insiste petataj ĉeesti la *ĉiujaran ĝeneralan kunvenon* de la grupo, merkredon, la 25an de januaro 1911, je la 8 1/2a vespere, en la kunvenejo de la kafejo «Zomerhof» 30, Dageraadplaat; (Place de l'Aurore).

**Tagordo** : 1. Raporto pri la antaŭa kunveno. — 2. Raporto de la Sekretario pri la agadoj de la grupo dum la jaro 1910. — 3. Raporto de la kasisto pri la financa stato. — 4. La 4a datreveno de la fondo de la grupo. — 5. La sepo internacia esperantista kongreso. — 6 La tria belga kongreso (Charleroi, 5-6 junio 1911). — 7. Propagando.

Por festi la datrevenon de la fondo de «La Verda Stelo» la grupo organizas la 4an de februaro, je la 8 1/2 a vespere, en la salono de la kafejo «Zomerhof» VESPERMANĜON en kiu, la komitato tre esperas, ĉiuj membroj partoprenos. La prezo estas Fr. 2.50; oni bonvolu sendi la aliĝojn antaŭ la 25a de januaro.

**CHARLEROI.** — Je mardo, la 13a de decembro, tre sukcesinta intima festo kunigis la anojn de la Karloreĝa Grupo Esperantista. S-ro Delvaux, prezidanto de la grupo, klarigis al la simpatia kaj multnombra ĉeestantaro la organizadon kaj la utilecon de U. E. A., kies delegito li estas. En la sekvinta muzika parto distingiĝis la ĉarmaj fraŭlinoj, fidelaj ĉeestantinoj de la kunvenoj; ili kantis france kaj Esperante, kaj estis tre aplaŭdataj pro la kantoj el la *Gaja Kantaro*. Grandan sukceson ankaŭ rikoltis S-ro Counson kaj S-ro Delavignette, kiu talentplene ludis fortepianon.

Tiu agrabla kunveno varbis al la K. G. E. kelkajn novajn membrojn, kiuj, siavice ageme kunlaboros al la divastigo de Esperanto en la grava industria urbo Charleroi, kie baldaŭ malfermiĝos belega provinca ekspozicio.

**FOREST.** — S-ro G. Borremans, 16, Avenue du Moulin en Forest apud Bruselo, estas la prezidanto de *Internacia Korespondа Interŝanĝo* kies celo estas faciligi la internaciajn rilatojn, ĉu per la naciaj lingvoj, ĉu per la internacia lingvo Esperanto. Ĝis nun tia societo tute mankis en Belgujo, al kiu lando tamen, pro ĝia centra situacio, nature sin turnas ĉiu kolektanto.

La I. K. I. estas perfekte organizata; ĝia monata ĵurnalo aperas je la 10a de ĉiu monato.

Tiu organo celos kuraĝigi la studadon de la modernaj lingvoj, kaj precipe de la internacia Zamenhofa Esperanto. Abonprezo estas ĉiujare 2.25 fr. por Belgujo, kaj por aliaj landoj 2.75 fr. (Sm. 1,1).

Por la abonoj kaj por ĉiaj informoj, sin turni al la Prezidanto.
Per interrilatoj oni iĝas amikoj!

**GENTO.** — Nia movado tre bone prosperas en la ĉefurbo de Orienta Flandro. Nova serio da lecionoj, malfermita dum oktobro, estas ĉeestata de 25 lernantoj; la fervora instruanto, S-ro Henri Petiau, konstatas ke de tiam la kurso komenciĝis, neniu el ili forlasis ĝin. Agema propagando estos farata post ne longe en privataj kluboj, i. a. en tiuj de la universitataj studentoj kaj de la komercoficistoj.

**HUY.** — La kurso, malfermita dum la novembra monato, estas ĉeestata de 15 lernantoj, kies progresoj estas mirindaj.

**St.GILLES (BRUSELO).** —Ni sciiĝis plezure pri la ekzistado de la grupo ANTAŬEN ! kiu kalkulas 42 membrojn. La societo aliĝis la Belgan Ligon Esperantistan. Tutkoran bonvenon!

**MOLENBEEK.** — Esperanto ankaŭ vekiĝis en tiu hombava antaŭurbo de Bruselo. U. E. A. antaŭ nelonge tie elektis subdelegiton, kiu klopodas por konigi tiun institucion kaj faras alvokon por akiri al ĝi anojn. La kotizaĵo estas Fr. 1.25 = Sm. 0,5. Sin turni al S-ro L. Dederichs, 18, rue de la Carpe, Molenbeek (Bruxelles).

**VERVIERS.** —Sekve de polemiko en la Verviersa jurnalo *Le Travail*, inter S-ro Rogister, sekretario de la esperantista grupo *Verda Stelo*, kaj S-ro Angenot, sekretario de la idista klubo, okazis publika kontraŭdira parolado la 11an de decembro.

La konsekvenco de tiu turniro estis la malfermo de nova kurso (organizita de *Verda Stelo*), kiu tre bone sukcesas, kaj plifirmigos la esperantistajn fortojn en Verviers.

— S-ta Nikolao faris sian kutiman aperon en la *Verviers' a Esperantista Grupo*, kaj disdonis donacojn al la junaj lernantoj ĉiuj el ili ricevis belajn esperantajn kaj francajn librojn.

— La 18an de decembro, S-ino Xhoffer, vic-prezidantino, forlasis la urbon Verviers por viziti Nordan-Afrikon. Antaŭ ŝia foriro, la membroj esprimis al ŝi tutkoran dankon pro ŝia nelacigebla sindono al la grupo, kaj donacis ŝin per bela paperujo kun esperantista emblemo. F-ino Demortier anstataŭas S-inon Xhoffer kiel profesorino de la virina kurso. La grupo decidis organizi intiman feston dum la monato februaro

---

## Het Esperanto in den Vreemde

**BRAZILIË.** — Over de ontwikkeling der esperantische beweging in dit uitgestrekte rijk ontvangen wij de beste nieuwstijdingen.

Te Rio-de-Janeiro worden leergangen van Esperanto gegeven in al de modelscholen. In sommige dier onderwijsinrichtingen worden wedstrijden uitgeschreven en prijzen uitgeloofd.

Te Macció (staat Alagoas) werd op 24 Augusti een esperantisch feest gegeven, waaraan meer dan 500 personen deelnamen. In Juis de Fora (Minnas Geraes) werd een esperantische groep gesticht. Het blad *Bom Jardinense* van Bom Jardin (Staat Rio de-Janeiro) bevat regelmatig artikelen over onze beweging en teksten in Esperanto. In het belangrijk nieuwsblad *Semana Comercial* verschijnt een leergang van Esperanto.

**BULGARIE.** — Te Sofia werd in een lokaal der hoogeschool een nieuwe leergang van Esperanto ingericht ; de leeraar is de bekende propagandist, hr Atanasov. De kursussen der groep « Progreso », gegeven door den hr Ĥaralambev, worden door meer dan 250 personen bijgewoond. Te Ŝumen worden drie esperantische leergangen gegeven, twee voor Bulgaren en een voor Turken.

## L'Esperanto à l'Etranger

**BRÉSIL.** — Nous recevons les meilleures nouvelles du développement de l'Esperanto dans ce vaste empire.

A Rio-de-Janeiro des cours d'Esperanto sont donnés dans les écoles modèles. Dans plusieurs de ces établissements on organise des concours et on décerne des prix.

Le 14 août une fête espérantiste a eu lieu à Macció (état d'Alagoas), à laquelle ont assisté plus de 500 personnes. A Juis de Fora (Minnas Geraes) a été fondé un groupe espérantiste. Le journal *Bom Jardinense* de Bom Jardin (état de Rio-de-Janeiro) contient régulièrement des articles sur notre cause ainsi que des textes en Esperanto. L'important journal *Semana Comercial* publie un cours d'Esperanto.

**BULGARIE.** — Une nouvelle série de leçons d'Esperanto vient d'être organisée dans une des salles de l'université ; le professeur est le propagandiste connu, M. Atanasov. Les cours du groupe « Progreso », donnés par M. Ĥaralambev sont suivis par plus de 250 personnes. A Ŝumen il y a trois cours, deux pour bulgares et un pour turcs.

**DUITSCHLAND.** — De invoering van Esperanto bij het openbaar onderwijs teekent zich meer en meer af, niet enkel in Frankrijk en Engeland, maar thans ook in het Duitsche Rijk. Het December nummer van *Germana Esperantisto* meldt de stichting eener esperantische groep in den schoot der onderwijzersvereeniging te Wilmersdorf bij Berlijn, — de inrichting van eenen leergang bij het onderwijzend personeel te Borbeck bij Essen en te Jägersburg, — het bestaan van esperantische groepen en leergangen te Charlottenburg (*Studentenschaft*), Göttingen (*Freie studentenschaft*), Weissensee (Handelschool), bij de prima van het gymnasium te München, bij het handelsinstituut Bein te Wiesbaden en onder de leerlingen der reaalschool te Worms. Lokalen tot het houden van voordrachten en het geven van leergangen werden bereidwillig toegestaan te Berlijn (hoogeschool), Breslau *Humboldt-Akademie*), Köthen (hoogere handelschool), Stettin (*Schiller-Realgymnasium*) en Wiesbaden (handelsinstituut Bein).

— Ook is de uitbreiding van Esperanto in zekere middens zeer merkbaar: voordracht bij de katholieke arbeidersmaatschappij te Augsburg, — bij de demokratische vereeniging te Breslau, — Esperanto - leergangen bij de werkliedengroep van Stuttgart, — onder de werklieden der *Maggie-Gesellschaft* te Charlottenburg, — stichting eener werklieden-groep te Wiesbaden, — inrichting van eenen leergang bij *Verein für Handlungs-Commis von 1852* (Berlijn) en *Verein für weibliche Angestellte* (Breslau),—bij de stenographenvereeniging *Eintracht* te Frankfurt a/M — en bij de stadsbeambten te Worms.

— Zeer merkwaardig is het feit, dat bij het leggen van den grondsteen der in opbouw zijnde kerk te Milbertshofen, het herinneringsdokument opgesteld werd in het Duitsch en in Esperanto.

**FRANKRIJK.** — Met de toelating van den academischen schoolopziener van het departement Gironde werd onlangs te Bordeaux door den heer Dacre, voor den hr bestuurder, eenige leeraars en al de leerlingen der normaalschool voor onderwijzers een merkwaardige voordracht over Esperanto gehouden, die ongetwijfeld een nieuwen invloed zal uitoefenen op de invoering van onze taal bij de openbare scholen.

— Het getal der thans in Parijs gegeven leergangen van Esperanto beloopt 76, tegen 57 in 1909.

— De stad Amiens mag zich beroemen den oudsten aller esperantisten onder hare inwoners te bezitten. Het

**ALLEMAGNE.** — L'introduction de l'Esperanto dans l'instruction publique se dessine de plus en plus, non seulement en France et en Angleterre, mais aussi dans l'Empire allemand. Le numéro de décembre de *Germana Esperantisto* mentionne la fondation d'un groupe espérantiste au sein de l'union des instituteurs à Wilmersdorf-lez-Berlin, — l'ouverture d'un cours chez le personnel enseignant à Borbeck-lez-Essen et à Jägersburg, — l'existence de groupes et de cours espérantistes à Charlottenburg (*Studentenschaft*), Göttingen (*Freie Studentenschaft*), Weissensee (école de commerce), dans la rhétorique du gymnase de Munich, à l'institut de commerce Bein à Wiesbade et parmi les élèves de l'école réale à Worms. Des locaux pour l'organisation de conférences ou de cours ont été gracieusement accordés à Berlin (université), Breslau (*Humboldt-Akademie*), Köthen (école supérieure de commerce), Stettin (*Schiller-Realgymnasium*) et Wiesbade (institut de commerce Bein).

— De même l'extension de l'Esperanto dans certains milieux est très appréciable : conférence à l'union des ouvriers catholiques à Augsbourg, — à la société démocratique de Stuttgart, — parmi les ouvriers de la *Maggie-Gesellschaft* à Charlottenbourg, — fondation d'un groupe ouvrier à Wiesbade, — ouverture d'un cours au *Verein für Handlungs-Commis von 1858* (Berlin), — *Verein für weibliche Angestellte* (Breslau). — chez l'association des sténographes *Eintracht* à Francfort s/M — et chez les employés communaux de Worms.

— Le fait suivant est digne d'être cité. A la pose de la pierre de fondation de l'église de Milbertshofen, actuellement en construction, le document commémoratif a été rédigé en allemand et en Esperanto.

**FRANCE.** — Dernièrement, avec l'autorisation de M. l'inspecteur académique du département de la Gironde, M. Dacre a fait une conférence très remarquable sur l'Esperanto, en présence de M. le directeur de l'école normale d'instituteurs, de divers professeurs et de tous les élèves. Cette conférence marque un pas de plus vers l'introduction de l'Esperanto dans les écoles publiques.

— Le nombre des cours d'Esperanto donnés actuellement à Paris s'élève à 76 contre 57 en 1909.

— La ville d'Amiens peut se vanter de posséder parmi ses habitants le Nestor des espérantistes. C'est M.

is de hr Adéodat Lefèvre, geboren in 1812 en dus bijna honderdjarig. Meldenswaard is, dat gedurende het congres der Noorderfederatie (departementen Nord, Pas-de-Calais en Somme), op 5 Juni 1910 te Amiens gehouden, de eerbiedwaardige ouderling aan de congresleden eenen merkwaardigen brief heeft gestuurd, waarin hij wijst op de hooge waarde van het Esperanto en onze beweging bijtreedt.

**NEDERLAND.** — Van 29 tot 31 Oct. j. l. hield de esperantische arbeidersvereeniging van Amsterdam een welgeslaagde tentoonstelling, die door 600 personen bezocht werd. Een nieuwe leergang werd ingericht, die 70 deelnemers vereenigt.

— Een esperantische groep werd onlangs gesticht te Bokstel.

— Een leergang van Esperanto werd geopend bij het instituut Taanman, in den Haag. 15 leerlingen volgen de lessen, die door Mej. J. C. Dirksen gegeven worden.

— Esperanto wordt insgelijks onderwezen bij de Haagsche winkeliersvereeniging.

**OOSTENRIJK-HONGARIË.** — Het bureel ter bevordering van het vreemdenverkeer « Cicerone » heeft Esperanto aangenomen. Adres : Budapest VIII, Uelloi ut, 10.

**RUMENIË.**—In 't Blindengesticht «Azilul orbilorRegina Elisaveta» te Bukarest wordt de sedert drie jaren bestaande Esperantokursus thans gegeven door den hr Prezente Levi, in vervanging van Dr Robin, die door de regeering tot een hooge betrekking genoemd werd. Het is bekend, dat de geliefde koningin Elisabeth (Carmen Sylva) een hoog belang hecht aan het onderricht van Esperanto in haar gesticht.

— Den 30 October had de plechtige opening plaats der Esperanto-leergangen bij de«school voor jonge kooplieden» in tegenwoordigheid van vertegenwoordigers des Ministers van Openbaar Onderwijs en der stedelijke regeering. Deze kursus is officieel, ten zelfden titel als die der Fransche en der Duitsche taal.

**RUSLAND.** — Bij de nieuwe reaalschool te Moskow, werd, dank aan het initiatief van Pr. A. Aleksev het Esperanto op het leerprogramma gebracht.

— Eveneens wordt Esperanto onderwezen in het gymnasium voor jongens te Voronej, van het 5e tot het 8e studiejaar. De studenten van Voronej hebben hun eigen orgaan: *La unua lumero de Esperanto en Voronej.*

— Te Habarovsk werd officieel aan de cadetten der militaire school de

Adéodat Lefèvre, né en 1812 et donc presque centenaire. Pendant le congrès de la Fédération du Nord (départements du Nord, Pas-de-Calais, Somme), tenu à Amiens le 5 juin 1910, le vénérable vieillard a écrit aux congressistes une lettre remarquable, dans laquelle il apprécie hautement la valeur de l'Esperanto et il déclare s'associer à notre cause.

**PAYS BAS.** — Par les soins de l'association espérantiste ouvrière d'Amsterdam a eu lieu, du 29 au 31 octobre dr, une exposition très réussie, qui a été visitée par 600 personnes, et à la suite de laquelle a été fondé un cours, suivi par 70 adeptes.

— Un groupe espérantiste vient d'être fondé à Boxtel.

— Un cours d'Esperanto est organisé à l'Institut Taanman, à la Haye. Les leçons, données par Mlle J. C. Dirksen, sont suivies par 15 jeunes gens.

— L'Esperanto est enseigné également dans la société des commerçants-détaillants de La Haye.

**AUTRICHE HONGRIE.** — Le bureau « Cicerone » pour favoriser les relations des visiteurs étrangers à Buda Pesth vient d'accepter l'Esperanto. Adresse : Buda-Pesth VIII, Uelloi ut, 10.

**ROUMANIE.** — Les cours d'Esperanto, existant depuis trois ans à l'Institut pour aveugles « Azilul orbilor Regina Elisaveta » à Bucarest, est donné actuellement par M. Prezente Levi, en remplacement de M. le Dr Robin, à qui le gouvernement vient de conférer de hautes fonctions. C'est un fait connu que la reine bien aimée Elisabeth (Carmen Sylva) s'intéresse tout spécialement à l'enseignement de l'Esperanto dans son asile.

— Le 30 octobre a eu lieu l'ouverture solennelle des cours d'Esperanto à l' « Ecole des jeunes commerçants », ceci en présence des représentants de M. le Ministre de l'Instruction Publique et de la municipalité. Ce cours est officiel, au même titre que celui du français et de l'allemand.

**RUSSIE.** — L'esperanto vient d'être porté ou programme des études de la nouvelle école réale de Moscou, grâce à l'initiative de M. l'abbé Aleksev.

— L'Esperanto est également enseigné au gymnase des jeunes gens à Voronej, de la 5e année d'études jusqu'à la 8e. Les étudiants de Voronej ont leur organe à eux : *La unua lumero de Esperanto en Voronej.*

— A Habarovsk les cadets de l'école militaire ont reçu l'autorisation offi-

toelating gegeven de aldaar gegeven esperantische leergangen te volgen.

**TURKIJE.**— Een Turksch samideano, de hr Malalel, deelde onlangs in een esperantische vergadering te Berlijn bijzonderheden mede over eenen leergang van Esperanto, te Konstantinopel door eenen Duitscher gegeven. Deze kan slechts zijne moedertaal, dus noch Turksch, noch Fransch, hetwelk veel in Konstantinopel gesproken wordt; van een anderen kant verstaat geen enkel zijner toehoorders een woord Duitsch. Hij onderwijst volgens de Berlitzmethode, en ondanks vele moeilijkheden, is hij er in geslaagd een schoonen uitslag te bereiken.

**VEREENIGD-RIJK.** — Dat de propaganda in het Vereenigd-Rijk groote vorderingen maakt blijkt uit het feit dat vele nieuwsbladen berichten over Esperanto bevatten. Daarenboven heeft de gekende firma Smith and Son, die in de meeste spoorwegstatiën gazetten, tijdschriften en boeken uitstalt en verkoopt,ook de «Ŝlosiloj» van Ĉefeĉ aangenomen, die aldus overal onder de oogen van het publiek vallen. Gemelde «Ŝlosilo» wordt thans ook in het Kimrisch nitgegeven.

— Een uitmuntend propagandamiddel is thans in Yorkshire ingevoerd. Op het voorstel van den hr Maréchal (Leeds), wordt bij iedere groep een persoon gekozen, *propagandulo* genaamd; zijne taak is eene lijst van de niet geësperantiseerde maatschappijen op te maken en aldaar voordrachten te houden, die tot de inrichting van van leergangen moeten leiden. In 13 verschillige steden is dit stelsel reeds in werking. Voorwaar een na te volgen voorbeeld! (*Van onze briefwisselaarster, Miss Ad. Ŝ.*)

— Uit *British Esperantist* : Ieder samideano, die de gelegenheid gehad heeft de zitting in «Guildhall» bij te wonen die te Londen na het III^e^ congres plaats had, zal zich met genoegen de sympathieke redevoering herinneren van den stedelijken raadsheer Vezey Sprong, die in naam van den Lord-Mayor van Londen het woord voerde. Nu werd onlangs de heer Vezey Sprong zelf Lord Mayor van Londen. Aan den heer Bolingbroke-Mudie, die hem van wege hen, die bedoelde ontvangst bijwoonden, geluk wenschte, antwoordde hij, dat hij nog steeds een levendige sympathie voor Esperanto gevoelt, en 't hem immer aangenaam zal wezen, indien hij bij gelegenheid de esperantische beweging kan nuttig zijn, die zooveel bijdraagt tot de algemeene verstandhouding tusschen de volkeren.

Ook *Belga Esperantisto* zendt zijn eerbiedige gelukwenschen aan den

cielle de suivre les cours d'Esperanto qui se donnent dans cette ville.

**TURQUIE** — Un samideano turc, M. Malalel, a fait dans une réunion espérantiste tenue récemment à Berlin, une communication très intéressante au sujet du cours d'Esperanto, donné à Constantinople par un espérantiste allemand. Celui-ci ne sait que sa langue maternelle, donc ni le turc, ni le français, qui se parle beaucoup à Constantinople ; d'un autre côté aucun de ses auditeurs ne comprend un mot d'allemand. Il enseigne l'Esperanto d'après la méthode Berlitz, et malgré bien des difficultés, il a réussi à atteindre de magnifiques résultats.

**ROYAUME-UNI.** — Que la propagande dans le Royaume-Uni fait de grands progrès ressort du fait, qu'un grand nombre de journaux publient des articles sur l'Esperanto. De plus, le firme connue Smith and Son qui expose et vend des journaux, des revues et des livres dans les plus importantes gares des chemins de fer, vient d'accepter les « Ŝlosiloj » de Ĉefeĉ, qui de cette manière tombent partout sous les yeux du public. Le « Ŝlosilo » en question vient d'être traduit en langue cimbrique.

— Un excellent moyen de propagande vient d'être introduit dans le Yorkshire. Sur la proposition de M. Maréchal, de Leeds, chaque groupe élit un membre, nommé *propagandulo*, celui-ci a pour tâche de dresser une liste des sociétés de sa ville non encore espérantisées,à l'effet d'y faire des conférences, qui doivent conduire à l'organisation des cours. Le système en question fonctionne déjà en 13 villes Voilà vraiment un exemple à imiter ! (*De notre correspondante, Miss Ad. Ŝ.*)

— De *British Esperantist* : Tous les samideanoj qui ont eu l'occasion d'assister à la séance au « Guildhall » de Londres, laquelle eut lieu après le 3^e^ congrès, se rappelleront avec plaisir du discours sympathique du conseiller municipal M. Vezey Sprong, qui a pris la parole au nom du Lord-Maire. Voilà que M. Vezey Sprong, à son tour, est devenu Lord-Maire. M. Bolingbroke Mudie, l'ayant félicité au nom de ceux qui étaient présents à la réception susdite, le nouveau Lord-Maire répondit à l'ami Mudie qu'il a conservé pour l'Esperanto une vive sympathie, et qu'il lui sera toujours agréable d'être utile au mouvement espérantiste, qui contribue tant à la bonne entente parmi les peuples.

De son côté *Belga Esperantisto* envoie ses respectueuses félicitations à

heer Vezey Sprong. Moge hij als stedevoogd der wereldstad Londen een voorspoedig en aangenaam jaar beleven!

**VEREENIGDE STATEN.** — In Zuid-Karolina werden leergangen ingericht te Hartsville, Darlington, Florence, Greenville en Charlestown. De « Greenville Daily News » bevat lange en belangrijke artikels over Esperanto. In Détroit ontvangt de plaatselijke groep vele bijtredingen. In Pittsburg en Chicago werden kursussen geopend. Te Newhaven (Conn.) behelst het blad «Union» iederen Zondag nieuwstijdingen over Esperanto. Eveneens verschijnen artikelen over onze beweging in de dagbladen van Balaton. (Minn.)

**ZWITSERLAND.** — Te Vevey werd, ten gevolge eener voordracht van den heer R. de Saussure, een leergang van Esperanto geopend, die weldra door de stichting eener groep zal gevolgd worden. Te Lausanne wordt een kursus gegevem in de «Union des Femmes».

M. Vezey Sprong. Puisse-t-il, comme premier magistrat de Londres, passer une année prospère et agréable !

**ÉTATS-UNIS.** — Des cours d'Esperanto ont été fondés à Hartsville, Darlington, Florence, Greenville et Charlestown. Le « Greenville Daily News » publie de longs et intéressants articles sur l'Esperanto. A Détroit le groupe local reçoit de nombreuses adhésions. Des cours ont été ouverts à Pittsburg et à Chicago. Le journal « Union » de Newhaven (Conn.) contient tous les dimanches des articles sur l'Esperanto. Il en est de même dans les journaux de Balaton. (Minn.)

**SUISSE.** — A la suite d'une conférence faite à Vevey par M. R. de Saussure, un cours d'Esperanto, qui conduira à la fondation d'un groupe, a été ouvert dans cette ville. A Lausanne une série de leçons se donne à l' « Union des Femmes ».

---

# LITERATURA FAKO

## La Domo de la Krimo

### (La maison du crime)

DE

JULES DESTRÉE

**Jules Destrée,** advokato kaj literaturisto, naskiĝis en Marcinelle, dum la jaro 1863. De 1894 li reprezentas en la belga Parlamento la politikan teritorion de Charleroi.

Provizita je samtempe revema kaj energia karaktero, li helpis pli ol iu ajn por disvastigi inter la enloĝantaro de la karloreĝa regiono la belartajn ideojn kaj instrui la grandan publikon pri la literatura movado. Lia sindono al la Populara Universitato de Marcinelle, kies ĉefa protagonisto li certe estas, sufiĉas por montri kiel fervore li penadas por la popola edukado.

**Destrée** publikigis nekalkuleblajn verkojn pri leĝoscienco, pri socialismo, pri belartoj kaj literaturo. Konsiderante nur la jenajn mi citu : *Lettres à Jeanne, — Imagerie japonaise, — Les chimères, — Henri de Groux, — Odilon Redon, — Le journal de Destrée, — Une campagne électorale au Pays Noir, — Les œuvres d'art dans les églises, — Les écrivains belges contemporains, — Bon-Dieu-des Gaulx, — Sur quelques peintres de Toscane, — Sur quelques peintres des Marches et de l'Ombrie, — Le secret de Frédéric Marcinel, — Quelques histoires de miséricorde, — Sur quelques peintres de Sienne,* — k. t. p.

Ni prunteprenas el *Quelques histoires de miséricorde* la unuan rakonton, titolitan **La domo de la krimo** *(La maison du crime)*, en kiu aperas reala grandeco kaj kortuŝeco. **Destrée** korege amas sian « Nigran Landon » ; li bonege konas ĝin, nenion nescias pri ĝia naturo kaj ĝiaj enloĝantoj, kaj per artplena stilo li produktas la potence elvokantajn pentrajojn de la tiea vivo.

L. D.

---

*Vox populi, vox Dei.*

Kiam, ĉirkaŭ 1873, Napoléon Dupuis estis aĉetinta la funebran pecon da tero, kun la intenco, multfoje anoncita, tie konstrui domon, ĝenerala malaprobo sublevis la regionon. Ĝi estis, inter la vojego kaj la profunda tranĉeo de la fervojo, malĝojiga loko de malhela verdaĵo, je la piedo de antikva kalvario. Supre, en kruda navo, senarta Kristo sangadis sur la kruco, inter naive fuŝitaj sanktulstatuoj kaj afektemaj bukedoj de artefaritaj floroj. Al lia agonio procesiis,duvice, nigraj abioj, senmovaj funebropilgrimantoj ; kaj en iu angulo ili amasiĝis pli nigraj ankaŭ kaj pli funebraj, pli fortikaj en superfruktodona tero. Tie, de la monato de aŭgusto 1833, tridek-ok ministoj, dronigitaj pro subita enfluo de la subteraj akvoj en la galeriojn de nun malaperinta karbejo, dormis sian lastan dormon.

Kiam okazis tiu terura katastrofo, estis en la tuta regiono, longa, konsternanta dolorpremo. Kun neordinara perforto, la noktaj akvoj, la mortigantaj akvoj, estis akceliĝintaj en la laboraĵojn de la terkarbejo, kaj neniu el tiuj, kiuj tie penadis, sukcesis forkuri el la terure turniĝantaj torentoj. Dum tagoj kaj tagoj, kaj noktoj pli longaj, filoj estis vokintaj sian patron ; en la ĉirkaŭaĵo de la ŝakto estis ploregintaj patrinoj kaj vidvinoj.....

Kaj kiam oni povis forpreni ilin, la kompatindajn viktimojn, ili revenis al la lumo, plumbkoloraj, bluaj kaj verdaj, malbelegaj kaj ŝvelintaj, malfeliĉuloj malproksime de la suno dronintaj ! Kaj rapidege, oni fosis kvadratan truon, kie, envolvitaj en siaj laborvestoj kiel militistoj en flago, ili ĉiuj frate etendiĝis sub la beno de l'antikva kalvario. La tuta vilaĝanaro venis tien genufleksi por la mortintoj.

Poste la abioj grandiĝis, potencaj kaj fortikaj. Poste, la vento trablovis iliajn tremetantajn foliojn, disjetante en la aerojn la memoron de tiuj bravuloj...

Kaj tiu loko, unue perdita en la kamparo, apud dezerta vojo, iom post iom estis ĉirkaŭita de domoj, de febraj uzinoj, meze de la alfluo de kreskanta kaj ŝangiĝanta enloĝantaro, vera homa polvaro tie amasigita de la blovo de la prosperaj industrioj. Kaj, grade, kvietiĝis la malĝojo, la terura emocio estis duone forgesita ; nur persistis por tiu ejo malpreciza respektego, kiu igis la malfruiĝintan preterpasanton fari krucsignon, kiam la luno brilis tra la nigraj abioj...

Poste, sekve de la mireginda vastiĝo de la agemo en tiu regiono, oni devis plilarĝigi la fervojan tranĉeon, sed ĝi precize haltis flanke de la enterigejo. Tiuj, kies parencoj tie kuŝis, povis kredi, ke, je eterne, la viktimoj de la Laboro, de tiu laboro, kiu donis al la lando brilan kaj subitan grandecon,

tie ripozos, kaj ĝuos tiun ripozon, kiu ne finiĝas, — dum senĉese bruadas la pezaj vagonoj, senhalte ruliĝantaj, — kaj ripozos ĝis la nepalbebla reveno al la granda naturo, en la abiaj bruetoj kaj la pluvaj ploroj....

Tial estis miroj unue, poste tre energie proklamita malaprobo kiam oni eksciis la malpiegan projekton de Dupuis. Obstina ambicio, ekscitita de la vanteco de koketa mastrino, estis al li inspirinta la persistan deziron altiĝi super sian malsuperan situacion de proletario. Po ridindaj pagkondiĉoj li aĉetis tiun ne produkteman teron, kaj li promesis al si, ke li baldaŭ tie havos *sian* domon. Spekulacio, kiu al multaj ŝajnis indigniga.

Kvankam li estis laboristo bonega, sobra, ŝparema, entreprenema, ĝenerale amata, subite li vidis malfervoriĝi la amajn sentojn, kiuj ĉirkaŭis lin, kaj multaj konatuloj foriĝis de li.

Memfide, li ne atentis pri tio. La belajn abiojn li senŝanceliĝe faligis, la branĉojn li uzis por fari faskojn, kaj li konservis la trunkojn por la trabaro de sia estonta domo.

Tra la vundita ligno sorbiĝis longaj, ruĝaj rezingutoj, kvazaŭ larmoj kaj kvazaŭ sango de la karbministoj.

Li mem, fininte sian taglaboron, venis por helpi la terfosistojn...

Malgraŭ tiu ambicio kiu ŝveligis lian koron, kaj sia memfida malmodesteco, li havis glaciigantan sensacion, kaj la subitan teruron pro la ago kiun li faris, ian tagon, kiam la tranĉrando de lia fosilo trapuŝis en kranion. Konfuze ŝajnis al li ke li estas farinta krimon kvazaŭ li estas ree mortiginta tiun mortinton kaj ke lia malnova honesteco ne plu estas plena.

Sed li jam tro antaŭeniĝis por halti, kaj tiu impreso baldaŭ malaperis. Preskaŭ mokante li elterigis la kraniojn, la femurostojn kaj la tibiojn, el kiuj kelkaj estis ankoraŭ ĉirkaŭtaj de masivaj botoj kiujn la vermoj ne estis sukcesintaj manĝi, kaj tio igis grandan amason da ostoj, kronitan per mortintkapoj kun ŝanceliĝantaj dentoj, kiuj rikanis per furioza kaj minacanta rido.

Kun la afabla permeso de l'aŭtoro esperantigis

*(Daŭrigota)* L. Delvaux.



# BIBLIOGRAFIO

« Belga Esperantisto » nur recenzas la verkojn senditajn al ĝi en du ekzempleroj. (Adreso : Arendstraat, 26, Antwerpen.)

---

**Esperanto Verlag Möller & Borel**, 18/19, Lindenstrasse, Berlin.
**Esperantista Poskalendaro por 1911**, redaktita de Prof. D ro Siegfried Lederer. Prezo 1 M. (0.500 Sm).

Kvankam la materialo en tiu ĉi nova eldono de la tre ŝatata libro estas multe pli riĉa kompare kun tiu de la antaŭa, la libro ĉi tiufoje estas eĉ iomete pli maldika ol la lasta, dank' al la bone pripensita tute nova kompostaranĝo. En la unua parto de la libro la memorindaj datoj estas tre pliriĉigitaj kaj kune metitaj antaŭ la tutan dataron. Per tio kaj per nova aranĝo de la dataro oni gajnis sufiĉe da loko en la unua parto por enmeti kelkajn novajn tabelojn tre praktikajn.

La dua parto ree enhavas la liston de la grupoj k. t. p., kiu estas tute nove kompostita kaj korektita laŭ la plej novaj oficialaj informoj ; ankaŭ listo de la esperanta gazetaro estas aldonita. -- La libro estas ornamita per portreto de S-ro Van der Biest Andelhof, la prezidanto de la organiza komitato de la 7a Kongreso, kiu verkis por la Poŝkalendaro interesan artikolon pri Antwerpen, la urbo de la Sepa. Rimarkinda novaĵo en tiu ĉi eldono estas enigma konkurso kun 50 Sm. da mon- kaj libropremioj, kiu certe plaĉos al la aĉetontoj. Laste estu menciata, ke oni enmetis, laŭ ofte esprimita deziro, sufiĉe da blankaj folioj el bona papero por notoj. Entute la libro prezentas sin kiel bonega helpilo kaj informilo, kiun devus posedi ĉiu samideano. Specialan laŭdon meritas S-ro Prof. D-ro Lederer pro la zorgemo, kun kiu li plenumis sian taskon kiel redaktoro de la poŝkalendaro. Precipe la kunmeto de la listo estas tiel malfacila kaj penplena, ke oni devas miri pri la de li farita laboro.

Ho.

---

# 3a Belga Esperantista Kongreso

## CHARLEROI

## 4 - 5 JUNIO 1911